# ESPERANTO - AGADO

*Martin - Jihlava*


## ĜEMELIĜO JIHLAVA - MARTIN

La Esperanto-rondetoj en Jihlava efektivigis ĝemeliĝon (= družba) kun Esperanto-rondeto en Martin. Ili profitis la iniciaton de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato en Praha, kiu en la 10-a numero de sia organo „Informoj de ĈSEK" laŭdis la agemon de la Martina rondeto kaj rekomendis skriban interrilaton kun ĝi. La esperantistoj el Jihlava proponis al ĝi daŭran kunlaboron, kiu ekvalidis de la 1-a de januaro 1963.

La ĝemeliĝo inter la Esperanto-rondetoj de la moraviĉeĥa urbo Jihlava kaj la slovaka Martin volas kontribui al la reciproka interkonatiĝo kaj alproksimiĝo de anoj de la nacioj de nia ĉeĥoslovaka patrujo, celas pli efikan disvolvon de la agado favore al la rondetanoj kaj al tuta nia socialisma socio.

Tiucele la rondetoj kunordigos siajn laborplanojn, kaj efektivigante ilin, ili helpos al si reciproke. Temas ĉefe pri persona kaj skriba interŝanĝadoj de spertoj, de pli gravaj protokoloj, agadraportoj kaj aliaj dokumentoj. Por siaj kursanoj kaj membroj ili de tempo al tempo eldonos metodologian materialon, instru-helpilojn kaj propagandajojn — precipe en kunlaboro kun la lokaj klerigaj institucioj. Krom tio estas antaŭvidataj reciprokaj vizitoj kaj renkontiĝoj okaze de propraj aŭ aliaj esperantistaj kunvenoj, ekskursoj kaj diversaj aranĝoj.

La rondetoj daŭre kunlaboros kun Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato en Praha laŭ siaj eblecoj. Jam la interkonsento pri ĝemeliĝo estis kompilita en ĉeesto de la referanto de Kleriga Instituto en Praha kaj ĈSEK respektive.

Ni esperas, ke la ĝemeliĝo de la Esperanto-rondetoj en Jihlava kun tiu en Martin estos fruktodona, ĉar la unuigo de iliaj diversspecaj fortoj povos rezultigi pli efikan per - kaj poresperantan agadon.

La metodologia helpilo „Esperanto-Agado Martin-Jihlava" estas redaktata en Esperanto. Nur la vortoj, kiuj ne troviĝas en la vortareto de Hromada, estas tradukataj, se necese (inter krampoj), en la ĉeĥan kaj slovakan.


Ĉion por la redakcio adresu: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN, Stredoslovenský kraj. Ĉion por la administracio adresu: ESPERANTO-GRUPO Grafia Srázná 17, Jihlava, Jihomoravský kraj.


## *Konciza raporto pri kunveno de Esperantistoj-aktivistoj*

La 15—16—an de decembro 1962 okazis en la okcidentmoravia urbo Velké Meziříčí kunveno de esperantistaj aktivistoj el la tuta Respubliko. Partoprenis ankaŭ la anoj de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato. La Ministerion por Lernejaj Aferoj kaj Kulturo reprezentis k-dino Bukačová, la Klerigan Instituton en Praha k-do Hindrák kun D-ro Chyba kaj k-dino Hanousková. La Kleriga Instituto en Bratislava elsendis k-dinon Jurkovičová.

La kunsidon malfermis k-do D-ro Jermář, prezidanto de ĈSEK; raportis k-do Hindrák. Ni citas nur kelkajn punktojn:

Ĉar ĝis nun ni ne sufiĉe profitis la eblecojn, kiujn donas Esperanto, ni devos pli precize atenti la celon kaj taskojn de la Esperanto-rondetoj. Esperanto ne darfas esti memcelo, oni ne povas kontentiĝi pri nura aranĝo de kurso, pri simpla konversacio kaj eventuala trarigardo de Esperantaj gazetoj, sed oni devas akcenti la signifon de Esperanto kiel helpilo por la ĝenerala plialtigo de la kulturnivelo. La rondetoj devas konatigi la publikon kun la geografio kaj etnografio de fremdaj landoj, helpe de materialo akirita pere de Esperanta korespondado. Alivorte estas necese aranĝi ekspoziciojn pri iliaj kulturo, politika vivo, etnografiaj specialajoj kaj eventuale naturbelajoj. Tiucele la Esperanto-rondetoj povas unuiĝi kun la patrujsciencaj rondetoj aŭ kun tiuj de amikoj de geografio kaj simile. Krom tio ili popularigu elektitajn politikajn problemojn ankaŭ helpe de la materialoj akiritaj pere de Esperanta korespondado, kiel estis ekz. la ekspozicio pri Kubo, pri la lukto de progresemaj fortoj en suda Vietnamio; event. oni okupiĝu pri iuj konkretaj kulturpolitikaj problemoj de interkontakto kun fremdlando.

Helpe de Esperanto-rondetoj devas ricevi vastan bazon la realigo de la projekto de UNESCO „Pri la reciproka ekkono de kulturvaloroj de Oriento kaj Okcidento". La rondetoj povos esti uzataj ankaŭ por organizi aranĝojn okaze de mondaj kulturaj datrevenoj, proklamitaj fare de (= se strany, činem někoho — zo strany, činom niekoho) UNESCO aŭ de Monda Porpaca Konsilantaro, t. e. jubileoj de fremdaj eminentuloj ĉe ni kaj de la niaj en eksterlando. La spertoj pri la propagando de la datreveno de Božena Němcová estis tute kontentigaj.

Rilate la propagandadon de Ĉeĥoslovakio kaj ĝia sociordo en eksterlando, plej bone helpis la du eldonoj de la broŝuro „Juĝu mem", sed tio ne estas ĉio kaj la rondetoj mem devas serĉi novajn eblecojn. Por tio ili bezonas argumentojn kaj propagandajojn.

Esperanton ni devas uzi ankaŭ en propagandado de niaj entreprenoj por eksterlanda komerco. Ĉi-rilate bonajn spertojn akiris Internacia Foiro en Brno, Skloexport, Jablonex, Maŝinfabrikoj en Přerov. Ankaŭ Asocio de Ĉeĥoslovakaj Filatelistoj profitis la helpon de esperantistoj en Praha okaze de la preparoj por la tutmonda filatelista ekspozicio „Praga 1962". ĈSEK intencas proponi sian helpon al Ĉeĥoslovaka Komerca Ĉambro.

Fine de la kunveno la rondetoj estis instigataj regule raporti al ĈSEK en Praha pri sia agado kaj pri tio, kiel ili uzis praktike Esperanton por la socialisma socio. Ili komencu aŭ plifortigu kunlaboron kun la lokaj klerigaj institucioj kaj eksterlerneja popola akademio.

---

Post kvin monatoj ni ricevis respondon de Loka Kongresa Komitato en Sofia koncerne la 48-an Universalan Kongreson, Sofio, en aŭgusto 1963. El la letero ni citas:

„Ni ricevis vian leteron de la 17-a de septembro 1962 kaj la kopion de via letero de la 3-a de julio 1962... Ni bone komprenas vian deziron alĝi kaj viziti la 48-an UK en Sofio... La plej malfacila afero estas la pago de kongreskotizoj. Provizore ni povas akcepti el Ĉeĥoslovakio nur 30 kongresanojn kaj nur post kiam el Okcidentaj landoj aliĝos al la kongreso pli ol 500 personoj, pagintaj siajn kotizojn, ni rajtas pligrandigi la kvoton de kongresanoj el socialismaj landoj (ankaŭ por vi). Tio estas laŭ interkonsento inter la Estraro de UEA kaj LKK...

Sofia, 5. XII. 1962."

Sekve de tiu ĉi letero sciigis Esperanto-Grupo ĉe Domo de Kulturo en Jihlava al Ĉeĥoslovaka Esperanto — Komitato, ke ĝi rezignas pri sia oficiala propono de majo 1962 organizi tutŝtatan karavanon al la 48-a UK por 400 personoj, kiel estis planite.

Esperanto-grupo ĉe Domo de Kulturo en Jihlava kunvenas ĉiun merkredon en la klubejo n-ro 133. Ekde januaro 1963 oni nove fiksis la aranĝon de klubaj kunvenoj laŭ jena programo:

18 — 18.30 trarigardo de alvenintaj korespondajoj
18.30 — 19 klubaj aferoj
19 — 19.30 gramatika duonhoro
ekde 19.30 libera programo, dum kiu oni planas projekcii filmojn, lerni kantojn, organizi prelegojn, ludojn, legi anekdotojn, novajojn el tutmonda Esperanto-movado, konversacii ktp. La filmojn oni intencas prezenti almenaŭ dufoje monate. Dum januaro kaj februaro vidis la membroj kolorajn filmojn pri Greklando, Kubo, Meksikio, filmojn pri sporto (Melbourne 1960), scienco (unuaj satelitoj), amuzajn filmojn ktp. La 30-an de januaro oni partoprenis komune la estradan programon de Instrumenta grupo de Vávra „Kun gitaro sub tropika suno": Ĉeestis 25 gesamideanoj.

VLADO HALAMA:

# ŜIMON LA ĈASISTO

Foje dumvintre ni ĉasis leporojn kaj vulpojn en la ĉirkaŭajo de Podturňa, vilaĝo en Liptov (norda Slovakio — rim. de la red.). Ni estis proksimume dek ĉasistoj kaj ses alpelistoj kun ses hundoj, plejparte spurhundoj. Jam ekde mateno regis bonhumoro, ĉar dumnokte alfalis iom da freŝa neĝo. La novneĝo, senventeco kaj serena suna tago aŭguris bonajn ĉasadon kaj amuzon.

Ni alvenis al unu el la arbaretoj super la stacidomo. En ĝin estis enkejligita mallarĝa paŝtejo kun kelkaj izolaj arboj kaj juniperoj. Tie ĉi iam tiam trakuras vulpo, sed ankaŭ leporoj; la pafebleco estis bona, pura, tial la ĉasistoj pli dense okupis ĉi tiun lokon. Tuj kiam de malproksime ekbojis la spurhundoj, ekmoviĝis la vulpoj. Unu, trafita de Paŭlo per bone celita kuglo, restis kuŝi sur la senarbejo (= mýtina — čistina). La alia, pafvundita de Berco, forkuris en la alian parton de la arbareto. Post momento komencis trakuradi leporoj kaj aŭdiĝis pafoj. Post nelonga tempo estis jam aŭdeblaj la voĉoj de la alpelistoj de ambaŭ flankoj.

Ŝimon staris ĉe la rando de la arbareto kaj ĉar la alpelado estis jam finiĝonta, li iris al sia najbaro Berco, gaja kaj bona kompano. Jam de malproksime li alkriis Bercon:

— Ĉu vi vin matene bone lavis, ke la vulpo sur tri piedoj forkuris antaŭ vi? Vi estis jam tiel proksime, ke vi estus povinta kapti ĝin en la dorsosakon! . . .

Subite Ŝimon ekrimarkis, ke el la densejo elsaltis mustelo kaj suprensaltis antaŭ li sur solecan piceon. Li rapide ŝarĝis la pafilon per plumberoj kaj proksimiĝis al la arbo. Sed kvankam li ĝin ĉirkaŭiris kaj zorge rigardesploris de ĉiuj flankoj, la mustelon li ne kapablis ekvidi. Ĝi malaperis. Nur kiam li alpaŝis pli proksimen, li ekvidis ĝin sidanta tute en la supro sur relative maldika branĉeto. Kontraŭ la ĉielo ĝi reliefiĝis bonege.

Ŝimon levis la pafilon kaj baŭ! — la mustelo kun la forpafita branĉeto falis teren kaj restis kuŝi etendita sur la pura neĝo. Ŝimon transjetis surŝultren la pafilon, blovŝveligis la bruston kaj alkriis Bercon:

— Ŝimon la ĉasisto! Ho, kia pafo!...

Li fiere alpaŝis la mustelon kaj kliniĝis por ĝin levi, sed ĝuste tiam ĝi subite elglitis el sub liaj manoj kaj je miro de ambaŭ ĉasistoj malaperis en la densejo, el kiu ĝi estis elsaltinta.

Ŝimon paliĝis, konsternite malfermegis la okulojn, deŝiris la pafilon kaj malaperis en la densejo, sekvata de la ridego de Berco.

Dum li vane serĉis la mustelon, la ĉasistoj kaj alpelistoj kolektiĝis sub la arbareto, de kie estis belega elrigardo al la supra Liptova ĉirkaŭajo. La ĉasado estis plensukcesa, do la vizaĝoj brilis pro kontenteco kaj gajeco. La paroloj turniĝis ĉefe ĉirkaŭ la mustelhistorio. Laŭ la ĝenerala opinio nur unu plumbero tuŝis la plejsupron de la verto aŭ de unu vertebro, ke ĝi rekonsciiĝis ĝuste kiam Ŝimon jam preskaŭ tenis ĝin en la mano.

Kiam li fine aperis kun mallevita kapo, akceptis lin komuna gaja saluto:

— Ni gratulas, Ŝimon la ĉasisto! Ho, tio ja estis vere parada pafo!...

Kiam ni volis premi al li la manon, li retiriĝis je du paŝoj, kraĉis antaŭ nin kaj aĉe ekblasfemis. Berco, la mokincitulo, rimarkigis kvazaŭ nur por si mem:

— Tiel grandan mustelon mi ankoraŭ ne vidis. Jam kiam ĝi falis de sur arbo, mi pensis, ke ĝi estas sovaĝkato, tiel riĉan haregon havis la monstro!...

Paŭlo aldonis:

— Hodiaŭ la musteloj estas serĉataj kaj multekostaj. Bela mustelo valoras bonan bovidinon! . . . Per tio li volis aludi la avarecon de Ŝimon.

Plua kamarado ekvoĉis:

— Ŝimon la ĉasisto, se vi ankoraŭfoje pafos mustelon sur arbo, sube starigu knabon kun sako kaj kiam la mustelo plaŭdos en ĝin, ŝnurligu ĝin rapidege! Por viva mustelo oni pagas en Praha multon!

Berco ekĝemis:

— Feliĉe, ke la pafo de Ŝimon ĝin ne vundis. Nur la branĉeto devis tion elsuferi. Tamen, domaĝe por tia mustelo!...

Tion Ŝimon la ĉasisto, paŝetadanta embarase kaj tute ruĝa pro kolero, ne plu kapablis toleri. Li jetis inter nin sian bastonon, sen kiu li neniam iris en la arbaron kaj ekgrumblis:

— Kun tia bandaĉo mi ne plu iros ĉasi! Ŝveliĝu viaj porkaj lipegoj! Ligniĝu viaj langoj!... Post tio li foriris, sekvata de nia adiaŭa ridego. Nu, kiu havas domaĝon, pri moko ne zorgu — precipe inter la Liptovaj ĉasistoj, kiuj la ĉasadon nur tre rare finas sen ia ŝerco.

Li ne estis ankoraŭ malproksime, kiam ni ekvidis la konatan felaĉetiston, irantan al la stacidomo. Paŭlo lin vokis:

„Rigardu, avĉjo, tie paŝas Ŝimon la ĉasisto. Li jus pafmortigis belegan mustelon. Aĉetu ĝin. Li vendos ĝin malmultekoste, ĉar li ne devos ĝin senfeligi!...

— Ŝimon estas malmola nukso! — rimarkigis la felaĉetisto. — De li oni nenion ricevas malmultekoste.

— Vi nur iru! Li estas bonhumora kaj la mustelo vere belega. Vi certe interkonsentos!...

Proksimume je distanco de 300 metroj de ni ili renkontiĝis. Ni vidis kiel la ĉasisto humile salutis, kaj aŭdis, kiel Ŝimon ekkriegis. Li deŝiris la pafilon de sur la ŝultro kaj pafis en la aeron post la felaĉetisto, kiu momente turniĝis kaj kun la ĉapelo en la mano saltetadis kiel kenguruo, levante neĝnubetojn post si. Liaj longaj piedoj glitis kaj disiradis kvazaŭ tiuj de bovido sur glacio, senĉese interplektalaj per la baskoj de lia longega malfermita nigra vintra jako. Li kriis: — Helpo, helpo . . .

Kiam li kuratingis la stacidomon, li falis elĉerpita sur la benkon, apogis la kapon sur la muron, ĝemspiradante malfacile. De tempo al tempo li viŝis la ŝviton de sur la frunto kaj plendis:

— Li freneziĝis, tute freneziĝis! Kiam mi gratulis al li pro la feliĉa ĉasrezulto, li ekkriegis: „Mi vin mortpafos kiel hundon!" Kia feliĉo, ke li min ne trafis!...

Por kvietigi kaj konsoli nian famiĝintan kuriston, ni invitis lin en la proksiman gastejon. La trinkglutaĵo lin tuj refortigis, sed la glason li devis levi per ambaŭ manoj, tiel li tremis kaj apenaŭ kapablis stari.

Kiam la felaĉetisto aŭdis, ke Ŝimon la ĉasisto, devis foriri de ni hontigite, li eksaltis pro ĝojo, kriante:

— Bone okazis al la avarulo! Ja ne ekzistas alia tia en la tuta distrikto. Antaŭ nelonge li min trompis ĉe la ŝafpeltoj!

(El slovaka manuskripto tradukis Eliz)

# Progresoj de psikiatrio

TEODORO ROSINSKÝ

En la fora pasinteco la frenezuloj estis konsiderataj kiel estuloj speciale privilegiitaj kaj honorindaj. Poste sekve de la influo de evoluinta demonologio oni konsideris ilin sorĉistoj aŭ regataj de malbona spirito kaj laŭ tio oni ilin ankaŭ traktis. Nur la novepoko konstatis, ke frenezeco estas malsano.

Tamen la kuracado de frenezuloj aŭ personoj, suferantaj pro aliaj malpli evidentaj mensaj malsanoj komenciĝis nur en la lasta jarcento. Ĝis la fino de la XVIII-a jarcento ĉi tiuj malfeliĉuloj estis tenataj katenigitaj en diversaj keloj kaj eventuale eĉ montrataj al sciviculoj por mono. Nur Filipo Pinel en la tempo de la Granda Franca Revolucio (fine de la XVIII-a jarcento) liberigis en Parizo ĉiujn tiel turmentatajn kaj per tio li komencis la propran eraon de psikiatrio.Sed la unuaj kuracadeksperimentoj estis ankoraŭ tiel drastaj — timigado de la pacientoj per bruo, per subita ŝajna vivdanĝero, ŝprucado de malvarma akvo, metado en diversajn poziciojn kaj movojn per mekanikaj ekipoj — ke ĉio ĉi pli malutilis ol utilis. En la lasta jarcento oni jam komencis apliki kuracadon per medio, kulturo kaj laboro kaj tiuj ĉi metodoj okupas gravan lokon en la hodiaŭa kuracado de mensmalsanoj.

Kaj nur en ĉi tiu jarcento komenciĝis la klopodoj alproksimigi la psikiatrion al la ceteraj fakoj de medicino

Daŭrigo sur la paĝo 4

Miloŝ Ravenj:

## AL ALTAJ TATROJ

El ebenajo altiĝantaj ŝtonmirakloj:
vin sube ĉirkaŭringas akvoj, supre agloj.
Per pintoj kiel fiŝojn kaptas vi la nubojn!
Tre ofte, dissternante la nebulojupojn,
trompŝercas, ŝajnigante, ke vi ne ekzistas.
Tuj poste, forjetante ilin, vi ne plu rezistas
al homrigard' nudecon vian avidanta.
Nur venu, venu, ho amanto diletanta:
elektu mortospecon, ardan rekompencon
pro amotuŝoj . . . Ne toleros ĉi atencon
Vestaloj vi superbaj de jarmilionoj,
smeralde mar-okulaj log-medalionoj!

Vir' en Giganta Akvofal' sin volis duŝi? —
bonvolis vi kompleze lin sub rokon puŝi:
li eterniĝ's kun okuloj mirigitaj:
ili sur fotoj eĉ nun brilas morton spitaj . . .
Eksentas vi junulon vantan kaj blasfeman? —
deskrapos lin: formikon rampe konkereman;
lavange superŝutos per granit-kitelo
aŭ zorge kovros per ermena neĝmantelo;
ĉar dum piedoj viaj dancas en sunlumo,
hararoj viaj: vip' de ŝtormo-frenezumo!!!

Vin plugas glaciejoj, trempas pluvinundoj,
bruligas sunofrapoj, fendas frostovundoj
jam de pratempo. Tamen ĉiam des pli belaj
eĉ sen haŭteroj vi fariĝas. Nur ribelaj
vi restas. Sed jam ĉesis via monopolo:
salutojn kaj minacojn sendi al la Foro!
(Floraro, faŭno per instinkt' sin tenas vive —
pereus' Hom', kredante al instinkt' naive:
science ekipita viajn sorĉojn kribras;
palpiloj liaj eĉ en Universo vibras).

Sed nin ne timu: feblajn mortokandidatojn;*)
indulgu nin, renversu la kondamnajn fatojn!
Ne volu nin vi per sovaĝa venĝo buĉi:
el molaj mamoj lasu novan vivon suĉi!
Al plena resaniĝo donu sunan gracon
kaj al popoloj niaj — poreternan pacon . . .

*) malfortajn malsanulojn

Rim. de la red.: ĉi tiun poemon el 1958 ni represas kun ilustrajo de nacia artisto Martin Benka.

## *Anjo karega, ne tusu ja...*

*(Slovaka popolkanto)*

*Andante, poco sastenuto*

*Tradukis kaj por duvoĉa ĥoro aranĝis J. V. Dolinský*

1. Anjo karega, ne tusu ja, a!
2. Mian ĉapelon kun flor-ornam', man',

Ĉar min oni trovos ĉe flank' vi- Se oni rimarkos min ĉe vi —
kaj pelton brodi-tan de ler-ta ja oni forprenos ankaŭ vin, —

tuj la ĉapelon prenos for de sen vi, karulin, mi. lin?!
kion mi faros sen vi, karu- lin?!

m — m —

poco sosten

p

Fino de la paĝo 2
kaj serĉi efikajn kuracadmetodojn. Oni komencis apliki elektroŝokojn, kiujn ni uzas nun jam malpli multe; kuracadon per inzulino, per febro ktp. Post la dua mondmilito kaj ĉefe en la lastaj dek jaroj vaste evoluiĝis la kuracado per kemiaj rimedoj. Ilia malkovro signifas pluan paŝon antaŭen. Ne plu ekzistas furiozaj kaj bruemaj pacientoj, malaltiĝis la nombro de sinmortigoj kaj korpovundigoj, la pacientoj estas kuraceblaj per la laboro kaj medio. El la psikiatriaj malsanulejoj sinsekve malaperas la kradoj kaj malfermiĝas la pordoj. La vestaro ne diferencas de tiu en aliaj malsanulejoj. Pli kaj pli vastiĝas la klopodo pri rekta influo helpe de diversaj formoj de psikoterapio (sugesto, hipnozo, psikoanalizo k. s.). En la tuta mondo oni intense esploras la esencon de la mensmalsanoj kaj de novaj kuracadmetodoj kaj rimedoj.

Bedaŭrinde multaj, precipe la parencoj de la pacientoj ofte ankoraŭ nun vidas en ili nur frenezulojn, timas aŭ priridas ilin kaj tiamaniere malbonigas ilian sanstaton en la hejma medio, kaj ili devas esti denove kuracataj en malsanulejo.

La psikiatrio nuntempe jam firme enviciĝis inter la ceterajn fakojn de medicino kaj konstante plue evoluiĝas.

# *Mikrofotoj el Karlovy Vary*

Plenŝtopita kolonado, printempa bukedo de diversaj vizaĝoj. Homa maro, murmurado kaj ondado de malnova pentraĵo. Tio estas la dumtaga ekstera vivo de tiu ĉi urbo, urbo admirinda pro sia pitoreska beleco, prikantita de multaj poetoj pro siaj sanon donacantaj fontanoj, kiujn vizitadas la tuta mondo. La printempa vespera suno ruĝe pentras la naturon kaj la benkojn, kie sidas geamantoj kaj maljunaj geedzoj. Naskiĝantaj floroj spicas la aeron per agrabla odoro. La paseroj sur la fenestra kornico disflugas, se oni fikse alrigardas ilin. Ĉio vibras kaj kreskas, ankaŭ la homa amo. La stratoj aspektas kiel porpaca afiŝo. Homoj el Uzbekistano, Japanujo, Kazachstano, Germanujo, Vietnamio, Francujo, Hungario... Kvazaŭ en la urbo senĉese okazus internacia kongreso. Jes, tiaj estas la stratoj de la Paco. Sur la placo iu parolas pri siaj teruraj travivaĵoj en la milito. Tra la placo iras knabineto kun grandaj okuloj, bluaj kiel la gutoj en la fontano. Ŝi premas al sia brusteto pupeton, timante, ke ĝia trezoro povus fali surteren kaj difektiĝi...

———

Kurbaj vojoj kaj vojetoj, poste granda kaj vasta strato, kie oni povas trovi junan kaj maljunan vivojn. Sur benko sidas maljuna stranga homo — griza filozofo kun grizaj pensoj — eble li havas pezan koron. Li sidas silente kaj sole, alrigardante la preterirantajn parojn. Subite venas knabeto kaj alparolas lin: — Onklo, mi petas, ludu kun mi. Rigardu, mi havas grandan buntan balonon. Nu!?... — Mi ne povas — respondas li post paŭzeto... — Kial ne?... — Mi ne havas piedon... — Kial?... Mi perdis ĝin en la milito... — Kiel oni povas perdi piedon?... Post profunda ekĝemo la viro respondas: — La milito ĝin forŝtelis... — Ĉu la milito ŝtelas piedojn?... — Ne nur piedojn, ĝi ŝtelas ankaŭ korojn kaj kapojn. Ĝi ŝtelas la vivon, la belan vivon, buntan kiel via balono. Bone gardu vian balonon! . . . La knabeto kapjesis senvorte. Lia vizaĝo esprimis komprenon — seriozan infanan komprenon.

———

Monteto sub la urbo enspiras la fruan sunon de printempo. Sur la tero kuŝas ankoraŭ folioj — bronzaj leteroj de la aŭtuno. Ho, kiel ili dancas! En la valo mi renkontis blondan nederlandaninon. Ŝi kuŝis en la bronza foliaro. Mi sidiĝis apud ŝin. Mi konis ŝin el la promenoj en la kolonaro. Sed nun, dormanta ŝi aspektis alie. Bronza, kun helaj haroj, senmova. Vera diino de la naturo, kun rebrilo de la ĉielo sur la frunto. Kaj kun tatuita numero sur la brako. Longa numero. Akupunkturo de mumio. Mumio kiel diino. Diino de la Vero. La multnombraj leteroj dancis. Dancis multaj numeroj. La dancon de la morto. Kaj ŝi spiras la vivon. Multegaj diinoj de la Vero kune ĉirkaŭprenas la Teron. Multkoloraj vizaĝoj volas spiri la vivon.

———

Ĉe asimetria tablo de la kafejo sidis alta knabo kun ĉokoladkoloraj okuloj. Poste venis mi kaj ni sidiĝis al alia tablo. Estis la lasta tago antaŭ nia disiro. Pluvis. Pluvo apartenas al ĉiu bela fino. Kiam ni trinkis nian kafon, Bruno diris: - Dum la tuta tempo mi pensas pri unu afero, nome kiel vi povis kaj povas esti mia amikino? Mi estas germano, kaj la germanoj, kiuj estis dum la milito en via lando, kaŭzis multan malbonon. La faŝistoj faris multajn kruelaĵojn. Sed hodiaŭ ni povas vivi en plena harmonio, ĉar ni ambaŭ komprenas la ideon de la paco. Mi dankas al vi, ke malgraŭ ĉio vi estas mia plej bona amikino.

— Ne diru, — respondis mi — plej bona amiko povas esti ĉiu homo, kiu vere estas homo...

KATARINA JUNGWIRTHOVA,
infanflegistino, Martin

---

ESPERANTO EN LA POLA FAKA REVUO. Grava monata faka revuo „Cement — wapno — gips," aperadanta en Kraków kaj dediĉata al la problemoj de fabrikado de morterajoj (maltoviny), aperigas resumojn de siaj plej gravaj artikoloj ankaŭ en Esperanto (krom la rusa, angla, germana kaj franca). Salutinda afero, pruvanta la klarvidon de la redakcio kaj dokumentanta la progreson de Esperanto en la faka preso.

ESPERANTO KAJ FILATELO. La granda franca filatela monata gazeto „Le Monde des Philatelistes" (La Mondo de Filatelistoj) aperigadas Esperantan rubrikon, zorge de s-ano Jack A. Rousseau, fakdelegito de UEA. En la rubriko estas priparolataj la plej interesaj novaperaĵoj de diversaj landoj.

BULGARA PROSPEKTO. Balkanturist, entrepreno pri turismo (Sofio, Leninplaco 16), eldonis belegan prospekton pri maraj somerrestadejoj (= letovisko) Varna kaj La Ora Strando (ĝia nomo devenas de la delikata orkolora sablo, kovranta la strandon). Krom tio estas priskribataj ankaŭ diversaj ekskurslokoj. La riĉe ilustrita broŝuro, entenanta multajn fotografaĵojn ankaŭ multkolorajn, ampleksas 24 paĝojn kaj la duobla (faldebla) kovrilo 8 paĝojn. La plaĉa prospekto certe vekos la intereson de la kongresontoj en Sofio en aŭgusto 1963 kaj tiamaniere atingos sian celon.

SVEDA PROSPEKTO. La Turisttrafika centro Asocio de Höör presigis belan koloran prospekton pri Höör kaj Frostavallen en la sveda provinco Skanio. La esperantlingva faldprospekto entenas ankaŭ orientigan mapon. Ĝi estas mendebla ĉe Höörbygdene Turisttrafikföreningan, fako 101, HÖÖR, Svedlando, sed oni petas alsendon de 1 respondkupono por la sendkostoj.

HUNGARA TURISMA PROPAGANDBROŜURO: IBUSZ, fremdultrafika, negoca, vojaĝa kaj livera asocio (Budapest V., Felszabadulás tér 5), eldonis — pasintjare, okaze de la Internacia Fervojista Kongreso — 36-paĝan broŝuron kun multaj fotografaĵoj pri kelkaj hungarlandaj urboj, ban- kaj ekskurslokoj, somerrestadejoj kaj pri la stalaktita groto de Aggtelek.

JAM ESTAS PRETAJ LA ESPERANTO-AFIŜOJ PRI LA SPECIMENA FOIRO DE BARCELONO 1963. Tio okazas jam la kvaran jaron. Kiel kutime oni eldonis ĉi tiun belegan kaj modernan afiŝon en du formatoj, 70×700 cm, kaj 30×40 cm (belegaj por ekspozicio de Esperantaĵoj kaj senpage riceveblaj). Interesitoj bonvolu (račte — račte) tuj skribi, se eble sur papero de komerca, industria aŭ turisma entrepreno al 31-a Oficiala kaj Internacia Specimenfoiro Propaganda-Fako — Paseo de María Cristina s/n, BARCELONA-4, Hispanujo.

---

ESPERANTO — AGADO MARTIN — JIHLAVA, metodický list — metodologia helpilo, januaro — marto 1963
Grafia JIHLAVA Pov. MěstNV-46-VÁ-63. Q-17*31278